Nemzetközi
eszperantó
diáklap

Megjelenik
évente háromszor

X. évfolyam
83/3. szám

Felelős szerk.:
Princz Oszkár

Kiadja
a Magyar
Eszperantó
Szövetség
Budapest
Kenyérmező u. 6.
1081

Felelős kiadó:
Vaskó Tibor

Készült a
MESZ
Sokszorosítóban
84-0053
Kiad. eng. sz.:
III/IFJ/30/1976.
**ISSN**
**0230-1318**

*

TASKO
DE ĈIU
ESPERANTISTO:
PROPAGANDI
LA REVUON
INTER LA
KOMENCANTOJ!

Vi trovos, ke la sekvaj paĝoj enhavas pli da Esperantaĵoj ol kutime. La kaùzo estas tre simpla: antaù nelonge okazis la Internacia Infana Kongreseto kaj proksimiĝas la okazigo de la unua kongreseto de la Kastora Klubo. Ni informas detale ankaù pri la kondiĉoj por membriĝi al tiu ĉi grava internacia klubo.

Certe interesos vin nia ekskurso al la plej belaj bulgaraj grotoj. Ankaù en la nuna numero troviĝas regulaj rubrikoj kaj anguletoj (Klubo de legantoj, krucenigmo, humuro) kaj krome unu nova. interesaĵoj el diversaj mondanguloj kaj epokoj.

Agrablan legadon deziras al vi la redaktoro

---

Sur la unua kovr'il'paĝo; An'ino de la Infana Kongres'eto salutas la Universalan Kongreson.

INFANA KONGRESETO

# esperanto 1983

# Budapeŝto

La ĉi-jara Inter-nacia Infana Kongres'eto okazis en la hungara ĉef-urbo. Parto-prenis ĝin 41 ge-knaboj el 11 landoj, pri kiuj zorgis 10 plen-kresk'uloj el 6 landoj.

Plej-parto de la ge-knaboj jam konis unu la alian de pli fruaj kongres'etoj kaj aliaj por-infanaj kaj por-familiaj aranĝoj, sed ankaŭ la nov'uloj rapide inter-amik'iĝis. Ĉiuj infanoj bone parolis Esperanton – egale ĉu estis tiuj, kiuj al-propr'igis ĝin de-naske, aŭ kiuj el-lernis ĝin en la lern'ejo.

La kongres'et'anoj vizitis diversajn lokojn en Budapeŝto, kiel ekzemple la Urban Parkon, Insulon[1] de Margareta, la pup[2]-prezent'adon, ili veturis per por-infana fer-vojo al Csilleberc kaj estis tie gastoj[3] en la Inter-nacia Infana Tend'aro[4]. Ili ankaŭ ŝip-veturis sur Danubo al urb'eto Szentendre.

En la kongres'et'ejo la infanoj ĉe-estis belan inter-konan kaj gajan adiaŭan[5] vesperojn, ili lernis diversajn popolajn kantojn, kiujn ili prezentis al siaj ge-patroj kaj aliaj anoj de la Universala Kongreso.

La kongres'et'ejon vizitis tri interesaj personoj: aktor'ino[6] Elizabeta Szabó-Regóczi, magi'isto[7] Árpád Szegedi kaj la korea instru'isto So Gilsu, kiu tre interese inter-parolis kaj ludis kun la kongres'et'anoj. Ĉio-ĉi montris, kiel Esperanto servas la pli bonan kompren'iĝon inter divers-landaj infanoj kaj ge-jun'uloj.

Dek-jara kongres'et'an'ino Nora Csiszár en sia salut-parol'eto al la 68-a Universala Kongreso diris antaŭ kvin mil kongres'anoj:

„Sekva-foje kun-prenu viajn ge-filojn, kiuj parolas Esperanton, ĉar tie ĉi, en la Infana Kongres'eto ni estas tre mal-multaj..."

Ge-patroj, ne forgesu ŝiajn vortojn!

Zs.B.



1/ ter-parto kiun ĉirkaŭas akvo, 2/ pupo – lud'ilo simila al la homo, 3/ kiu venis, 4/ restad'ejo, 5/ adiaŭi – saluti ĉe for-iro, 6/ kiu ludas en teatro aŭ filmo, 7/ kiu prezentas mir'igajn aĵojn kaj ecojn.

*Mihail Eminescu*

# Nokton bonan

*(Somnoroase pasarele)*

*Eĉ bird'eto jam dorm'ema*
*serĉas neston[1] ombre dronan[2]*
*sur la branĉo[3] ek-ek'trema[4] –*
*Nokton bonan!*

*Nur de l' fontoj mildas[5] ĝemo[6]*
*dum l'arb'aro nigras lace;*
*dormas floroj en ĝardeno –*
*Dormu pace!*

*Cigno[7] ŝvebas[8] tra kan'ejoj,[9]*
*serĉas neston kviet-havan[10] –*
*vin proksimu la anĝeloj[11] !*
*Sonĝon[12] ravan[13] !*

*Sin la bela luno levas*
*sur la mondon sonĝ-aroman,[14]*
*harmonie[15] ĉio revas[16] –*
*Nokton bonan!*

*El la rumana: Imre Szabò*

1/ loĝ'ejo, kiun konstruas por si birdoj, bestoj k.a., 2/ droni – perei en akvo, 3/ brako de la arbo, 4/ mov'iĝa, 5/ mal-akra, 6/ aŭd'igi doloran senton, 7/ blanka naĝ-birdo kun tre longa kolo, 8/ kvazaŭ pendi en la aero, 9/ kano – herbo, kiu kreskas en lago, 10/ trankvila, 11/ ĉiela spirito, meze inter la dio kaj homo, 12/ bildoj, kiuj aperas en dormo, 13/ kio sent'igas ion ne-ordinaran, 14/ aromo – agrabla odoro, 15/ ĝusta aranĝo de la diversaj partoj de tuto, 16/ prezenti al si tion, kion oni forte deziras.

# Mir'inda sub-tera mondo

Unu el la riĉ'aĵoj de Bulgario estas belaj grotoj, sub-teraj ejoj en la profundo de montoj. Laŭ siaj grand'eco kaj interna en-havo ili estas unuj el la plej rimark'indaj lokoj por esplori[1] la naturon.

La bel'eco de la grotoj de-longe al-logis la homon. Ankoraŭ en la pra-tempo li serĉis en ili sekur'econ[2] antaŭ la danĝeraj bestoj. Mir'igaj rakontoj parolas pri la riĉ'aĵoj de la grotoj. Tie ĉi oni skribis la unuajn paĝojn de la homa historio.[3] La esploroj pri-tiuj ĉi sub-ter'ejoj montras la ekzist'adon de nia grota antaŭ'ulo, kiaj estis liaj viv-rimedoj, kion li manĝis...

La interno de ĉiu groto estas ne-forges'ebla vid'aĵo – sub-tera mondo, kiu sin kaŝis en la mal-lumo de la tempo. El mir'indaj stalagmitoj[4] kaj stalaktitoj[5] de diversaj formoj est'iĝis la grotaj muroj kaj plafonoj. Milojn da jaroj la naturo formis ilin.

En Bulgario la grotoj (pli ol 2000) trov'iĝas en la tuta lando en la apud-riveraj montoj, en la regionoj apud Danubo kaj Dobruĝa, ĉe la bordo de la Nigra Maro. El ili 16 estas naciaj turistaj lokoj.

MAGURA – apud vilaĝo Rabiŝa (regiono Belogradĉik) – estas unu el la plej belaj en-landaj grotoj, grand'ega labirinto[6] longa 3000 metrojn, kun desegn'aĵoj[7] el la IX-VIII-a jarcentoj antaŭ nia jar-kalkulo. La tiama art'isto desegnis sur la grota muro per nigra koloro bestojn kaj okaz'aĵojn el la vivo de la tiu-tempaj homoj. La el-ir'ejo de la groto kondukas al la Rabiŝa-lago, ĉe la grota en-ir'ejo trov'iĝas hotelo kun restoracio. La groto estas vizit'ebla dum la tuta jaro.

LEDENIKA – la plej popular a[8] groto en Bulgario. Ĝia nomo de-venas de la sensa'.ĝa varmo (5,5 – 4,5°C) kaj de ĝiaj stalagmitoj ĉe la en-ir'ejo. Proksime de la en-ir'ejo estas restoracio kaj 80 lokoj por tra-nokti. La groto trov'iĝas 16 km de urbo Vraca.

TEMNATA DUPKA (la mal-hela truo), ĉe staci-domo Lakatnik, estas labirinto de koridoroj.[9] El la profundo de vasta sub-tera lago ŝprucas[10] klara kaj pura akvo. Bru'ego de la akvo-falo estas tiel forta, ke ĉio ĉirkaŭe tremas.[11]

SAJOVA DUPKA – groto apud vilaĝo Malka Brestnica, riĉa je bel'egaj natur-kre'aĵoj. Mal-granda hotelo ebl'igas tra-nokton kaj la du res-

toracioj agrablan rest'adon kun bonaj manĝ'aĵoj kaj kun la populara „brestniŝka halvao" (dolĉ'aĵo).

La bulgaraj grotoj al-logas ne nur turistojn kaj natur-amikojn, sed ankaŭ la speleologojn,[12] kiuj sukcesas en-iri ĉiam pli kaj pli en la profundojn de tiu ĉi interesa subtera mondo.

*Lilija Koleva*

---

1/ atente rigardi, 2/ sen-danĝer'eco, 3/ la tuto de antaŭaj okaz'aĵoj, 4/ kio el-staras sur la planko de la groto, 5/ kio pendas de la grota plafono, 6/ mal-simpla aranĝo de vojoj, el kiuj oni mal-facile trovas el-iron, 7/ bildoj, 8/ kion oni bone konas kaj ŝatas, 9/ tra-ir'ejo, 10/ rapide kaj forte el-iĝi en fluo, 11/ rapide mov'iĝi tien kaj reen, 12/ kiu okup'iĝas pri la grotoj.



# La I-a kongres'eto de Kastora Klubo

En la jaro 1984 la Klubo festos la 20-an dat-re-venon de sia nask'iĝo. En 1964 s-ro J. H. Sullivan inter-naci'igis la lokan Esperanto-klubon en Denton (Britio) kaj ek-de tiam ekzistas Kastora Klubo kiel inter-nacia klubo por infanoj kaj ge-jun'uloj de la tuta mondo.

En 1984 okazos la Unua inter-nacia kongres'eto de Kastora klubo, kiu servos al persona renkont'iĝo de divers-landaj anoj de la Klubo – Kastor'etoj, Kastoroj kaj Amikoj de la Klubo.

La kongres'eto okazos en Bydgoszcz, Pollando, de la 15-a ĝis la 22-a de julio. Se vi deziras esti en Pollando pli longe, tiam antaŭ la kongres'eto vi povas viziti la Inter-nacian Infanan Esperanto-Urb'eton – ankaŭ en Bydgoszcz, de la 1-a ĝis la 15-a de julio.

Informas kaj la al-iĝojn akceptas:

| | | |
|---|---|---|
| el okcidentaj[1] landoj | – | Esperantotour - Bruselo, Montoyerstr. 37 b 24, B – 1040 Bruselo, Belgio |
| el Hungario | – | Express - Esperanto Fako, Szabadság tér 16, H – 1395 Budapest, V., Hungario |
| el Bulgario | – | Bulgara Esperanto-Asocio, Internacia Esperanto-Kursejo, Centra Estraro pk 791, BG – 1090 Sofia 9, Bulgario |
| el Ĉeĥoslovakio | – | Asocio de Esperantistoj en SSR, Sobotské nám. 1735, CS–058 01 Poprad aŭ Ceĥa Esperanto-Asocio, Jilska 10, CS-11000 Praha |
| el Rumanio | – | Kolektivo Esperanto-Lingvistiko, Hehn Dorin, str. Lugujului 21, sc. A, ap.6, R–1900 Timisoara, Rumanio |
| el aliaj orientaj[2] landoj kaj el Pollando | – | Biuro Turystyki Esperanckiej Esperantotour, str. M.Skłodowskiej-Curie 10, PL – 85 094 Bydgoszcz, Pollando |

1/ direkto, en kiu la suno sub-iras, 2/ kie la suno lev'iĝas

# Far'iĝu ano de KK!

Kastora Klubo estas inter-nacia klubo por infanoj kaj ge-jun'uloj, kiuj scipovas aŭ lernas Esperanton.

La ĉefaj celoj de la Klubo estas

– dis-vast'igi amikajn sentojn inter infanoj kaj ge-jun'uloj de diversaj nacioj

– ek-koni la vivon de infanoj kaj jun'ul'aro en aliaj landoj, la tieajn historion kaj kulturon

– igi infanojn kaj ge-jun'ul'ojn lerni kaj uzi Esperanton kaj labori por ĝi

*An'eco estas sen-paga.* Por an'iĝi en la Klubo oni devas skribi siajn nomojn (personan kaj familian), nask'iĝ-daton[1] kaj adreson (klare) kaj sendi ilin al la Klubo. La Klubo havas nun-tempe ĉirkaŭ 6000 anojn el 56 landoj kaj la an'aro sen-ĉese kreskas. Ĉiu ano, kiu atingas almenaŭ la gradon[2] Bruna Kastoro, ricevas la kluban gazet'eton KARA AMIKO.

Estas kvar kastoraj gradoj – KASTOR'ETO
BRUNA KASTORO
ARĜENTA KASTORO
ORA KASTORO

Por atingi la unuan gradon (Kastor'eto) oni devas el-lerni kaj ripeti al sia instru'isto de Esperanto la jenan promeson:

„Mi promesas diligente[3] lerni Esperanton.
Mi promesas ĉiam porti la verdan stelon.
Mi promesas ĉiam konsideri[4] alian homon kiel fraton, de kiu ajn raso,[5] koloro aŭ kredo li estu."

Tiam la instru'isto permesas al la infano skribi al la Klubo la leteron, en kiu li/ŝi mem skribas sian promeson en Esperanto kaj en sia nacia lingvo.

Poste la Klubo sendas atest'ilon[6] pri la an'iĝo kun la unua grado (Kastor'eto), kiun gradon la infano rajtas teni ne pli ol unu jaron, post kiam oni atendas, ke li/ŝi atingos almenaŭ la gradon Bruna Kastoro. Tiam la ano ricevas la belan kluban insignon[7]. Arĝentaj kaj Oraj Kastoroj ricevas specialan insignon.

La pli altajn gradojn oni povas atingi post almenaŭ unu monato kaj post kiam oni plen'umis jenon:

BRUNA KASTORO — 1. Devas skribi leteron al la Klubo kaj prezent'iĝi,
2. devas lerni kaj ripeti la unuajn 8 liniojn de La Espero,
3. devas inter-ŝanĝi leterojn kun almenaŭ unu ali-landa esper'ant'isto (infano aŭ plen-kresk'ulo, ekzemple Onklo aŭ Onkl'ino Esper'ant'ista) kaj skribi al la Klubo la nomon kaj adreson de sia leter-amiko.

ARĜENTA KASTORO — 1. Devas ĉiam porti la verdan stelon aŭ la Kastoran Insignon,
2. devas lerni kaj scii ripeti dek liniojn de iu Esperanta poemo[8] (krom La Espero),
3. devas pri-skribi sian urbon aŭ vilaĝon kaj sendi la pri-skribon al la Klubo,
4. devas inter-ŝanĝi leterojn kun almenaŭ du alilandaj esper'ant'istoj kaj sci'igi al la Klubo iliajn nomojn kaj adresojn,
5. devas ricev'adi almenaŭ unu Esperantan gazeton kaj sci'igi al la Klubo ĝian nomon, aŭ pri-skribi sian leter-amikon kaj sendi la pri-skribon al la Klubo.

ORA KASTORO — 1. Devas rakonti iun historion[9] pri sia lando, urbo ktp. kaj sendi ĝin al la Klubo,
2. devas ĉiam porti la verdan stelon aŭ la Kastoran Insignon,
3. devas lerni kaj ripeti la tutan La Espero,
4. devas inter-ŝanĝi leterojn kun almenaŭ tri alilandaj esper'ant'istoj kaj sci'igi la Klubon pri iliaj nomoj kaj adresoj,
5. devas parto-preni iun nacian aŭ inter-nacian Esperanto-kongreson aŭ alian aranĝon kaj pri-skribi ĝin en la letero al la Klubo, aŭ viziti esper'ant'iston en alia lando kaj pri-skribi tiun ĉi viziton en la letero al la Klubo.

An'iĝi oni povas ĝis la 18-a jar-aĝo. Ankaŭ grupoj de ge-knaboj kaj ge-jun'uloj povas al'iĝi kiel grupa ano. Al plen-kresk'uloj, kiuj deziras kun-labori la anoj de la Klubo donas la nomon AMIKO DE LA KLUBO.

La Klubo el-donas kaj dis-sendas ĉiu-jare la kluban adres'aron. La estro de la Klubo estas sinjor'ino Barbara Chmielewska.

Adreso de la Klubo: str.Klonowa 18, 00-591 Varsovio, Pollando

# Kiel li est'iĝas

Se la promeson vi memoras
Kaj ĝin prezenti estas preta
Se diligente vi laboras –
Jen estas grado KASTOR'ETA.

KASTORO BRUNA – plia scio
Certe ricevis jam leteron
Pris-skribis sian familion
Scias komencon de L'Espero.

KASTOR' ARĜENTA – Mien[10] brava[11]
Deklami[12] verson[13] li ne hontas[14]
Du korespond-amikojn havas
Bele pri sia urb'. rakontas.

KASTORO ORA – lasta ŝtupo
Fidele[15] sekvas la promeson
De li legendon[16] aŭdis grupo
Li parto-prenis la kongreson.

Kiam griz'iĝos iom haroj
Kastor' tut-kore kaj sen dubo
Por multaj, multaj postaj jaroj
Restas AMIKO DE LA KLUBO.

W.Usakiewicz, Amiko de la Klubo

---

1/ tempo, en kiu io okazis, okazas aŭ okazos, 2/ ŝtupo, 3/ daŭre kaj zorge labor'ema, 4/ pri-juĝi, 5/ vasta grupo de homoj kun la samaj korpaj ecoj, 6/ kio cert'igas ion, 7/ per kio oni montras sian an'econ en iu grupo, mov'ado ks., 8/ arta verko en versoj, 8/ rakonto pri gravaj okaz'aĵoj, 10/ homa ekstero laŭ la vizaĝo kaj sin-teno,11/ tre lerta en sia arto, bon'ega, 12/ voĉ-legi, 13/ aro da vortoj en la aranĝo, kiu havas certajn leĝojn, 14/ ekhavi mal-agrablan senton pro mal-bona ago, 15/ kiu tenas sian kredon, eĉ se venas malfaciloj, 16/ parte vera rakonto pri la mal-novaj okaz'aĵoj.

---

*Imre Szabó*

## SEMAJNO

Lunde luno lumas,
marde mar' murmuras,[1]
merkrede merlon[2] ni audas,
kaj jaude jazon[3] ni laudas,[4]
vendrede vendistoj alvenas,
sabate ni strate promenas,
dimance ni nur dancas, dancas,
car dimancas.

---

1/ soni ne tro forte kaj ne tro klare, 2/ nigra birdo, kiu bele kantas, 3/ speco de muziko, 4/ tre bone opinii pri io aú iu.

RAKONTOJ PRI LA BESTOJ

# La vulpo kaj la koko

(persa rakonto)

Ĉu estis, ĉu ne estis, estis foje saĝa koko. La vulpo[1] mult-foje volis kapti ĝin, sed ĝi ĉiam sukcesis for-kuri.

Unu belan tagon ĝi vidis, ke jen venas la vulpo. Ĝi jam ne povis for-kuri, sed ĝi sur-flugis la proksiman arbon.

La vulpo venas sub la arbon kaj diras:

– Hej, koko, kial vi sur-flugis la arbon? Ĉu vi timas min?

La koko diras: – Ĉu vi volas, ke mi ĉirkaŭ-prenu vin?

La vulpo diras: – Ĉu vi ne scias, ke la reĝo sci'igis ĉie, ke de nun oni ne povas ataki[2] la pli mal-fortan kaj ke de nun lupo[3] kaj ŝaf'ido trinku kune ĉe la fonto, kolombo[4] kaj falko[5] loĝu pace en la sama nesto! [6] Nun vi devas veni mal-supren kaj promeni kun mi man-en-mane.

– Promen'adi estas bone nur kun multaj – diras la koko – kaj ne kun unu. Atendu iom'ete, ke la bestoj, kiuj kuras tie, al-venu tien ĉi! Tiam ni povos promen'adi man-en-mane ĉiuj.

– Kiaj bestoj? – demandis la vulpo.

La koko diras: Iliaj korpoj similas al tiuj de la lupoj, sed la vostoj[7] kaj la oreloj estas pli longaj.

– Eble ili estas hundoj?

– Eble – respondas la koko.

– Mi ne volas renkonti kolerajn hundojn.

– Ej, vulpo, la reĝo diris, ke neniu ataku la pli mal-fortan.

– Sed ili ne scias, kion diris la reĝo en la urbo, ankaŭ vi povas vidi, ke ili loĝas en la dezerto.[8] Ili atakos min! – diris la vulpo kaj for-kuris.

# Kiel la rano perdis sian voston

(afrika rakonto)

Iam la rano[9] havis longan voston kaj ĝi estis tre kontenta pro tio. Muk, la eta sciuro[10], estis ĝia amiko. Unu tagon ĝi petis la ranon:

– Donu al mi vian voston, Kvak! Mi volas iri al balo,[11] sed mi ne havas balan ornamon[12]! Morgaŭ mi re-donos al vi vian voston.

Kvak donis al Muk sian voston kaj Muk feliĉe kuris al la balo. Sed post la balo ĝi ne emis re-doni la voston al la rano. Post tri tagoj ili renkont'iĝis.

– Re-donu al mi mian voston! – kriis la rano al la sciuro, tiel ĉi mi ne povas montr'iĝi antaŭ la mondo. Muk saltis sur arbon kaj de tie kriis mal-supren al la rano:

– Bone, Kvak, re-prenu ĝin se vi povas!

La rano provis salti sur la arbon, sed ĝi re-falis.

Tiel la sciuro gajnis la voston de la rano. Kaj pro tio la rano sidas en akvo ĝis-kole kaj nur ĝia kapo vid'eblas.

*Tradukis J. Németh*

1/ kvar-pieda besto simila al hundo, 2/ komenci batalon kontraŭ iu aŭ io, 3/ kvar-pied'ulo simila al hundo, 4/ paca birdo, 5/ mal-paca birdo, 6/ birda loĝ'ejo, 7/ korpo-parto ĉe la besta post'aĵo, 8/ sen-akva regiono kun mal-multaj kresk'aĵoj kaj homoj, 9/ akvo-besto kun longaj postaj piedoj, 10/ best'eto kun dika har'ara vosto, kiu vivas sur arboj, 11/ gaja kun-veno, dum kiu viroj kaj vir'inoj kune dancas, 12/ pli-bel'igo.

**La redakcio bonvenigas kompetentajn tradukojn de la plej belaj nacilingvaj porinfanaj poemoj en Esperanto de la klasikaj kaj modernaj aŭtoroj. Konvenas ankaŭ la jam ekzistantaj tradukoj. La manuskriptojn sendu en du ekzempleroj kaj kun la originalaj tekstoj.**

# El ĉiuj mond'anguloj

## AKVO EL GLACIO

En la norda kaj suda glaciaj kontinentoj[1] trov'iĝas multe pli da akvo ol en ĉiuj riveroj de la mondo. Pro tio kaj ĉar trink'ebla akvo estas malmulta, nask'iĝis la ideo vetur'igi, precipe el Antarktido, glacion, kiu estas fonto de la plej pura akvo. Glaci'-montojn, larĝajn ĉirkaŭ tri kaj longajn ĉirkaŭ ok kilometrojn, kiuj ofte apart'iĝas de la kontinento, oni tire vetur'igos per ŝipo al varm'egaj regionoj de Aŭstralio kaj Suda Ameriko, kie la sun-radioj ŝanĝos glacion je akvo. La akvon oni kondukos al la bordo Unu-sola glacia monto kapablas doni grand'egan amason da akvo kaj krome mal-alt'igi varmon en la ĉirkaŭ'aĵo ĝis 500 kilometroj je dek Celsius-gradoj.

## DEKSTRA KAJ MAL-DEKSTRA

Plej-parto de la homoj uzas la dekstran manon. Nur ĉiu deka laboras per la mal-dekstra. Kompren'eble, pro tio oni ne estas mal-pli valora. Ekzemple, Leonardo da Vinci (vinĉi) faris sian bildon Mona Liza per la mal-dekstra mano. Ankaŭ Michelangelo (mikelanĝelo) laboris per tiu ĉi mano. La „mal-dekstr'uloj" estis Goethe (gete) Chaplin (ĉaplin) Pavlov kaj aliaj el-staraj homoj.

## DOLĈA NEĜO

Se vi hodiaŭ volas manĝi glaci'aĵon, tiu ĉi deziro estas facile efektiv'ig'ebla. Sed kion oni povis fari, ekzemple, en mal-nova Romo? La imperi'estro[2] Nero, kiu regis ĉirkaŭ la jaro 67, al-port'igis neĝon de la proksimaj montoj, kiun oni dolĉ'igis per mielo[3] kaj roza akvo. Se la neĝo ne estis sur la apudaj montoj, tiam la serv'istoj devis al-porti ĝin el Alpoj, kiuj trov'iĝas 400 km de Romo. Dum-voje povis okazi, ke anstataŭ neĝo la serv'istoj al-portis nur varm'etan akvon. Tiam la imperi'estro ordonis sen-kompate mort'igi ilin.. Cetere, la hodiaŭan glaci'aĵon oni el-trovis en Sicilio kaj estis Sicili'ano, kiu mal-fermis la unuan glaci'aĵ-kaf'ejon en 1672 en la franca ĉef-urbo Parizo.

## RAPIDAJ LONG-NAZ'ULOJ

La hejmo de kanguruoj[4] estas la *aŭstralia mal-nov-tempa* arb'aro. La plej grandaj el tiuj-ĉi bestoj estas altaj ĝis du metroj kaj la plej **mal-grandaj** mezuras nur tridek centimetrojn. En la lingvo de la indiĝenoj[5] ilia nomo signifas „long-naz'uloj". Dum-tage la bestoj vivas kune en la ombro de grand'egaj mal-junaj

arboj. Kvankam ili serĉas manĝ'aĵon nokte, dum-tage ili dormas nur kelke da horoj. Inter-tempe la plej grandaj viraj kanguruoj gardo-staras. Eĉ en la plej mal-grandaj grupoj neniam ĉiuj bestoj dormas sam-tempe. Plen-kreska kanguruo saltas ĝis 4 m. Se ĝi devas fuĝi[6], la saltoj mezuras eĉ 9 metrojn.

## UTILA INSEKTO

Ĉu vi scias, ke la araneoj[7] en la Fiĝioj – insuloj en la Pacifiko – pret'igas al la indiĝenoj retojn[8] por fiŝkapt'ado? Oni nur metas la araneon sur la arbon proksime de la loĝ-domo kaj post ne-longa tempo la fiŝ'ista reto estas preta. Oni diras, ke tiu-ĉi fiŝ-kapt'ilo estas same forta kiel tiu, kiu oni arte-faras.

---

1/ mondo-parto, 2/ reg'isto de granda lando, 3/ sukera manĝ'ajo, 4/ besto kun longaj postaj piedoj, 5/ homo, kies pra-patroj loĝas en iu lando de longa tempo, 6/ for-kuri pro danĝero, 7/ insekto, kiu sci-povas pret'igi reton por kapti alian insekton, 8/ tie-ĉi: ilo por kapt'adi fiŝojn.




## SUB ĜARDEN'

Muziko: Zoltán Kodály
Teksto: Erzsi Gazdag
Traduko: Imre Szabó




2. Sub la pont'[1], sub la pont', kio estas sub la pont'?
Sub la pont', sub la pont', fiŝoj brilas en la ond'[2]!

---

1/ Konstruo kiu ebl'igas tra-iri riveron ks., 2/ akvo kiu lev'iĝas kaj re-falas ĉe la supr'aĵo de la rivero ks.

# PER GAJAJ OKULOJ

Instru'isto: Oksigeno estas ne-evit'eble grava por spiri kaj por la vivo entute. Oni mal-kovris ĝin en la jaro 1773.

Lern'anto: Kaj kia-maniere oni spiris ĝis tiam?

* * *

– Ĉu helpe de tiuj-ĉi okul-vitroj vi vidas pli bone? – demandas la kurac'ist'ino.

– Jes, multe pli bone, sinjoro kurac'isto!

* * *

– Kian har'aron havas via patro?

– Nigran.

– Kaj via avo?

– Li havas nur la kapon.

* * *

– Ĉu vi scias, kial fiŝoj estas sen-piedaj?

– ? ? ?

– Ĉar pro tiu humido[1] ili mal-san'iĝus.

* * *

– Kial vi daŭre kverelas[2] kun via edz'ino sur-strate?

– Mi ne deziras, ke la najbaroj[3] aŭdu nin.

* * *

Kies okuloj vidas plej bone? – foje iu demandis Diogenon.

Plej bone vidas – respondis tiu – la okuloj de la envi'ulo,[4] ĉar li vidas eĉ tiajn ecojn, kiajn oni ne havas.

---

1/ mal-sek'eco, 2/ kolere mal-konsenti, 3/ kiuj loĝas apude, 4/ kiu deziras havi tion, kion havas la alia.

Klubo de Legantoj

LA RUBRIKON GVIDAS
**Josef Chvosta** ('ĥvosta)
Leninova 16,
CS–290 01 PODĚBRADY
**Ĉeĥoslovakio**
Sendu ĉiun korespondaĵon
rekte al tiu ĉi adreso!

# Per-letera konkurso[1]

Provu respondi, ĉu povis renkont'iĝi la sekvaj personoj (en du'opoj):

1/ G. Washington (Uoŝinton), unu el la ŝtat'istoj, kiuj fondis[2] Usonon kaj Vladimir Iljiĉ Lenin, unua ŝtat'estro de Sovetunio.

2/ Usona kant'isto Paul Robeson kaj brazila futbal'isto Pelé, kies vera nomo estas Edson Arantes dos Nascimento (dus nasimentu).

3/ Demosthenes, la plej granda oratoro[3] en mal-nova Grekio kaj Sokrates, la greka saĝ'ulo.

4/ Indira Gandhi, ŝtat'estr'ino de Hindio kaj Valentina Tereŝkova, la unua kosmonaŭt'ino.[4]

5/ Sun-jatsen, la unua prezidento de Ĉinio kaj Benito Juaréz, prezidento de Meksikio.

6/ Jean Gabin (ĵan gaben) franca aktoro[5] kaj Napoleon Bonaparte, franca imperi'estro.[6]

7/ Amerigo Vespucci (vespuĉi), kiu pri-skribis la novan mondon (laŭ li ĝi nom'iĝas Ameriko) kaj Martin Luther (luter) religia reform'isto.[7]

8/ Mahometo, araba profeto,[8] kies antaŭa nomo estis Ubul Kasim, kaj Karlo la Granda, imperi'estro de iama Francio.

9/ Kleopatra, egipta reĝ'ino kaj Nero, romia imperi'estro.

Skribu vian opinion al: Josef Chvosta, Leninova 16, CS 290001 Poděbrady. Vi povas al-doni, kion vi ankoraŭ scias pri tiuj ĉi el-staraj person'ecoj.

---

1/ batalo kun la celo gajni, 2/ krei aŭ star'igi sur io, 3/ parol'isto, 4/ kiu veturas ekster la Tero, 5/ kiu ludas en filmo aŭ en teatr'aĵo, 6/ ĉefo de granda lando, 7/ kiu re-bon'igas ion, 8/ kiu antaŭ-diras.



*Rudolf Rimmel: Ĉu temp'... (tradukis Hilda Dresen)*
*„Ĉu temp' milito-spurojn viŝos? (Ĉu jaroj – estas nur moment'? / Ĉu enterigos temp'doloron, / de l' sablo spurojn blovos vent'?) Ĉu rompos ne-forgesu-floron / forgese frosta kun·sever'? ..." Daŭr'igo: horizontale per 2, vertikale per 1. La vortojn oni devas trovi en grupoj de literoj.* [1]

Horizontale: 9. ONDA MUMI, 10. OI, 11. SILU, 12. MALE, 14. RIA, 16. PORTO, 18. LAVU, 19. IVN, 20. PO, 21. URN, 22. OBA, 23. TEA, 24. EROJ, 25. MIRE, 26. OP, 27. FARET, 28. LAKTE, 30. TANIG, 32. KATUS.

Helpo: 5. ĈUSOVOJ (urbo en Sovetunio), 32. KUTAS (hungara vilaĝo).

I. Takács

Vertikale: 2. LIA NICO, 3. NUU, 4. TEDI, 5. ĈU VOJOS, 6. MM, 7. LEONO, 8. IOM, 13. RA, 15. URU, 17. API, 20. IOTT, 22. NE BRIL, 23. ETA MAN. 25. RE, 27. KAFA, 28. KSN, 29. GEE, 31. OA, 33. TU, 34. RA.

Solvo de la antaŭ-lasta kruc-enigmo: KIU RIPETAS ABUNDE, (TIU) LERNAS PLEJ FUNDE

---

1/ sono de lingvo

| | | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 |
| | | | | | | | | | | | | | | |
| | | | | | | | | | | | | | | |
| | | | | | | | | | | | | | | |
| | | | | | | | | | | | | | | |

Se vi plen'igos mal-plenajn lokojn (1-15) vertikale (de supre mal-supren), tiam horizontale (de mal-dekstre dekstren) vi povos legi en tri koloraj kort'etoj la nomojn de la du el-staraj verk'ist'inoj, kiujn vi ofte povas legi en la JUNA AMIKO.

1. Kio lumas, 2. Nek sidu, nek kuŝu, 3. Ripozi nokte, 4. Milit'ista rango (ŝtu-po); sen fin'aĵo, 5. Sankta bildo, 6. Kio fluas el la okuloj, 7. Nek mi nek vi, 8. Sur scen'ejo de la cirko, 9. Rapidaj mov'etoj (reen), 10. Amaso da io por vendi ks., 11. El kio estas osto de elefanto, (reen) 12. Ĉambr'egoj, 13. Enhav', 14. Printempa floro (reen), 15. de ne-kutime fort'ega emo.

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| S | O | N | O | I | M | A | K |
| O | U | S | B | T | I | O | A |
| S | T | R | I | B | L | I | S |
| E | L | I | H | K | O | E | L |
| L | U | C | I | F | I | S | E |
| A | S | C | E | N | O | R | D |
| K | I | U | T | R | A | M | O |
| B | A | L | K | O | N | O | N |

Tiuj ĉi literoj en-havas nomojn de ses vetur'iloj. Serĉu ilin. Vi povas legi en ĉiuj direktoj sen trans-salti la literojn.

*Imre Szabó*

## DE-NOMBR'ADO

Unu – min ne punu,[1]
du – kun mi ludu,
tri – ĉesu montri,
kvar – ke aĉas[2] via far',
kvin – nek min, nek vin,
ses – ŝatas la sukces.,
sep – se amaras[3] cep',[4]
ok – kikerikas[5] kok',
naŭ – kredas vi apenaŭ,
dek – jen, vi la kapt'isto, ek!

1/ sufer'igi iun pro ties mal-bon'faro, 2/ mal-bela 3/ mal-dolĉa, 4/ legomo, 5/ kanti kiel koko




# KORESPONDI DEZIRAS

Klubo de internacia amikeco VERDA STELO (25 anoj en la aĝo inter 12-13 jaroj). Adreso: ZS – Školni 1510, 742 58 Příbor, Ĉeĥoslovakio * 18-jara litova junulo kun ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj: *Gintaras Ziaunys,* Zemaritijos 9-25, 23 5500 Mazeikiai, Litovio, USSR * *Tauno Ullaste,* 13 j., pri naĝado, skiado, libroj, interŝanĝo de bildkartoj, SU 203006, Harju r-n, Haabneeme, Gerbera 6, Tallinn, * *Martti Suurorg,* 15 j., kun gejunuloj, SU 200021, Tallin 21, poste restante * *Elend Dobreva Stojanova,* 19 j., str. V. kongres, bl. 2.,vh., ap. 10. 8600 Jambol, Bulgario * *Violeta Gospodinova Vasileva,* 15-jara lernantino, Bezmer, distr. Jambol, Bulgario * *Dejan Jordanov Atanasov,* 10-jara lernanto, s. Kabile. Jambolski okrag, Bulgario * *Dimitar Nedev Dimitrov,* 15-jara lernanto, str. Gr. Ignatiev, bl.66, vh.G, ap.84, 8600 Jambol, Bulgario.

JUNA AMIKO
Internacia Lerneja Esperanto-Revuo
de la Hungara Esperanto-Asocio (H-1368 Budapest, 5. Pf. 193.) Responda eldonisto: TIBOR VASKÓ Responda redaktoro: OSZKÁR PRINCZ Redaktoro: OLDŘICH KNÍCHAL (Budaörs, Patkó u. 3., II. 19. H-2040) Kunlaborantoj: **D. Berndt** (GDR), **M. Boulton** (Anglio), **Y. Brion** (Francio), **J. Chvosta** (Ĉeĥoslovakio), **As. Grigorov** (Bulgario), **V. Heimlich** (GFR), **A. Kubulnieks** (Sovetunio), **R. Okumura** (Japanio), s-ino **Ősz** (Hungario), **B. Ragnarsson** (Islando), **E. Raveloson** (Madagaskaro), s-ino **Saranath** (Hinda Unio), **T. Sekelj** (Jugoslavio), s-ino **M. Turin** (Francio), **J. Zagoni** (Rumanio), **W. Zytynski** (Pollando), Grafikistoj: **J. Klement, P. Rak.** (Ĉeĥoslovakio), **S.Plugor** (Rumanio), s-ino **E. Váli** (Hungario).
Minisztertanács Táj. Hiv.
III. (IFJ) 30/1976.

# humoro

— De kie vi venas?
— El la pur'ig'ejo.



Mar'isto restos mar'isto

